# REGO

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*komuna eldono de REU kaj REJM* *№ 2 (27) aprilo 2005*




**en la numero**



**Moskvo, 2005**

# JUBILEO DE EK MASI




*Malferma Tago por ekstera publiko kaj novuloj*




*festeno por MASI-anoj kaj gastoj-esperantistoj*



# JUBILEA NASKIĜTAGO

## *E-klubo MASI la 23-an de februaro festis sian 10-jariĝon*

Karaj, mi estas tre kontenta! Mi tre ĝojas, ke mi (kaj ni ĉiuj) denove sukcesis venki la inercion, nutratan de la malaktivigaj meditoj, similaj al: "kiu tion bezonas", "neniu venos", "neniu kunlaboros" ks.

La aranĝo konsistis el du oficialaj partoj:

– Malferma Tago, por ekstera publiko kaj novuloj;

– festeno por MASI-anoj kaj speciale invititaj gastoj-esperantistoj.

Eblas, fakte, ankaŭ la preskaŭ horan paŭzon konsideri kiel apartan programeron, kiam paralele okazis: gaja amasa manĝpreparado en unu ĉambro, kantado de Maŝeto en alia ĉambro, kunsido de REU-Estraro en tria ĉambro, butikumado, libera vagado kaj babilado tra la tuta ejo.

Entute la aranĝon partoprenis: 32 aktualaj kaj eksaj MASI-membroj kaj 46 gastoj (neesperantistoj kaj esperantistoj), do 78 personoj.

Nun ni danku la homojn, kiuj ĉi-foje sukcesigis la aferon:

– Gennadij Miĥajloviĉ Ŝilo, la rektoro de la Eŭropa Jura Universitato "Justo", kiu disponigis al ni la tutan ejon;

– Alla Kudrjaŝova (Benita), kiu verkis trafan reklam-tekston por la ekstera publiko;

– Dmitrij Kokorev (Indiano), kiu verkis la informon kaj dissendis ĝin al la amaskomunikiloj (dank' al kio matene la 23-an de februaro okazis mia intervjuo en rekta etero ĉe la rusa fako de BBC kaj estis telefonvoko de "Moskovskaja Pravda");

– Maksim Ĵitĉenko, kiu dissendis la informon al junularaj organizoj kaj Studentaj Konsilioj de grandaj universitatoj, dank' al kio al la Malferma Tago venis 18 tre simpatiaj gastoj-interesiĝintoj;

– Onjo Ĉerniŝova, nia fama dezajnistino, kiu faris (helpe de nia ĉiama kunlaboranto Garik) la belegajn afiŝojn, biletojn, invitilojn, dankfoliojn, ankaŭ ordigis la priteman ttt-ejon;

– multaj klubanoj, kiuj dispendigis la afiŝojn de Onjo kaj disdonis la informfolietojn de Maksim;

– Onjo kaj Maksim, kiuj aranĝis la riĉan ekspozicion de presaĵoj el la E-biblioteko de "Justo" kaj aliaj esperantaĵoj;

– Varvara Ĥoĥljuŝkina (Sankta), kiu dum 8 horoj (!) registris la venantojn kaj



kolektis la kotizojn;

– Anatolo Gonĉarov, kiu organizis la butikon kaj diversspece helpis mastrume;

– Georgij Kokolija (Garik), kiu prezentis al la gastoj-neesperantistoj la E-muzikon kaj iom da E-filmoj;

– Valentina Sidorova (Grimpi), Benita, Vitalij Malenko, Ljubovj Ĥaritonova (Ĉeboksari), Viktoro kaj Rafija Kudrjavcev-oj (Jekaterinburg), kiuj prezentis al la ekstera publiko fragmentojn de E-movado;

– Ljudmila Vasiljeva, Julija Penjkova (Fluganta) kaj Jekaterina Ljubuŝina (Lumanta), kiuj zorgis pri la manĝa festa tablo;

– teamo de mastrum-helpantoj (Denis Baŝkirov, Vitalij Malenko, Anna Dronova, Svetlana Gonĉarova kaj aliaj);

– Marija Koĉetkova (Maŝeto), kiu kantis por ni en la paŭzo, kaj Oĉjo Ĉajka, kiu kantis dum la festeno;

– Nikolao Gudskov, kiu diris la unuan toston;

– Viktoro kaj Raja Kudrjavcev-oj, kiuj dum la festeno partoprenigis multajn ĉeestantojn en amuza teatraĵeto;

– Svetlana Gonĉarova (Denaska), kiu preparis komputilan fotoprezentadon pri MASI-vivo, kaj Geĉjo Basov, kiu helpis tion realigi teknike;



– Garik, kiu okazigis gajan profitdonan aŭkcion, kaj ĉiuj aĉetintoj dum ĝi (nur dank' al vi, karaj, la tuta aranĝo iĝis senmalprofita!);

– Fluganta, kiu bakis enorme grandan kaj bongustan torton kun jubilea ornamaĵo;

– Denaska, Onjo, Sankta, Lumanta, Maksim, Kirill Ŝvedov, Ljusja, Denis, kiuj post la fino de la programo ordigis kaj lavis la ejon.

Apartan dankon al Sergeo Derevjanniĥ, kiu donacis al EK MASI jaran abonon por la revuo "Monato"!

Do, homoj! Ĉiam eblas trovi mankojn, ĉiam eblas fari pli bone. Eble, iu el vi dezirus ion plian-alian. Sed mi persone vere ĝuis pro ĉio!

Kaj sola bedaŭro restas pri tiuj povruloj, kiuj ial ne venis!..

***Irina Gonĉarova (Odincovo)***

# DOKTORA DISERTACIO DE A.MELNIKOV

## *KIEL TIO OKAZIS*

“Esperanto kaj kulturo estas du aferoj nekunigeblaj”. Tio estas ofta tezo de niaj kontraŭuloj. “Esperanto kaj kulturo estas du aferoj nedisigeblaj” – pruvas en sia habilitacia (rusiasisteme doktora) disertacio ekskomitatano de TEJO, eksĉefdelegito de UEA en USSR, eksprezidanto de SEJM, sed daŭre maleksega esperantisto Aleksandro Melnikov. Ĉu ne tro riska deklaro? La esploristo respondas per firmaj argumentoj. Komence – kion li konsideras kulturo (sendube, tio estas ne nur beletraĵoj, sed tuta sistemo de t.n. artefaktoj, scioj, valoroj kaj kondutreguloj, atributaj al iu certa kolektivo). Do, la aŭtoro metis antaŭ si la taskon trovi, ĉu kaj, se jes, kial kaj kiel eblas krei, konservi kaj transdoni en Eo kion ajn ligitan kun etna kaj eventuale (“eventuale”, ĉar al neesperantistoj tion oni devas pruvi) propra kulturo.



*Momento de la defendo. Demaldekstre: parolas A.Melnikov, aŭskultas la scienca sekretario kaj la prezidanto de la Disertacia Konsilio, V.Alpatov, S.Kuznecov.*

Se prezenti koncize la rezultojn de la disertado (ĝi rezultigis 632-paĝan ruslingvan libron “Лингвокультурологические аспекты плановых международных языков (на фоне этнических языков)”, mendeblan ĉe la aŭtoro <aleks-meln@mail.ru>): ĉiu lingvo, kiu estas uzebla por ordinara komunikado, potenciale entenas premisojn por uzado kiel esprimilo de sentoj, emocioj, estetikaĵoj ktp. La sciencisto trovis, ekzemple, ke el duoncento da plej uzataj tropoj de la rusa kaj franca lingvoj eĉ unu ne mankas ankaŭ en Esperanto. Ĉapitro, kiu sola povus esti konsiderata kiel doktora (rusiasisteme kandidata) disertacio, traktas ludan komunikadon kaj vortludojn en Eo. Ĉar en tiu sfero estas uzataj la samaj rimedoj kiel en vort-estetika kreado ĝenerale, la signifo de konkludoj pri kielo de luda komunikado en Eo estas vere grandega. Bazante sin sur enorma materialo, A.Melnikov trovis ĉ. 40 tipojn de luda komunikado (trideko el ili neniam antaŭe estis priskribita).

Indan lokon okupas la ĉapitro pri elementoj de la propra Ea kulturo kaj ĝia re-

flektiĝo en Eo. Temas pri t.n. realioj (aĵoj, faktoj, fenomenoj, kondutmanieroj ktp. kaj koncernaj vortoj, kiuj nomas ion, kio ekzistas nur en nia kulturo; Melnikov nomis ilin esperantonimoj), pri fonaj scioj (tio, kion oni parolante/skribante ne mencias rekte, ĉar "tion scias ĉiuj", sed sen kio ne eblas kompreni la sencon, ironion, vortludon ktp.), pri lingvaj rimedoj, per kiuj fiksiĝas E-kulturaĵoj. Unuafoje estas traktita la temo "Lingva personeco de E-isto". Ekzistas trafa komparo: vorto estas faro. Faroj karakterizas homon. Ankaŭ vortoj. La esploro montris, ke E-istoj (kompreneble, ne kiu ajn lernetinta Eon, sed sufiĉe kleraj E-kulture movadanoj) havas propran sistemon de komparoj. Ili ofte paraleligas eksteresperantiajn realiojn kun la "verdaj". Ili havas proprajn asociojn laŭ signifo (tio okazas pro komunaj fonaj scioj, do la asocioj venas de koncerna senca kampo; ekz. Ido – Beaufront –



*A.Melnikov kun la organizantino de la renkontiĝo ĉe la Pedagogia Universitato S.Trufanova, ĉeboksara esperantistino A.Rogaĉjova kaj parto de la ĉeestintaj studentinoj*

Judaso) kaj laŭ formo (ĉar ili havas komunan lingvon, en kiu multas vortoj similaj forme, sed malsamaj enhave; ekz. *Sep tagoj*? / *Sep plagoj*! // *Sep magoj*? / *Sep blagoj*! – Ŝ.Urban), ili ofte uzas diversajn E-kulturajn "flugilhavajn vortojn" (kiel "Ni fosu nian sulkon", "En la mondon venis nova sento" ktp.) kaj metaforojn, ili havas proprajn "epokojn kaj tempo-indikilojn" (Bulonja epoko, la jaro de la Montevidea venko k.a.) ktp.

El apartaj tezoj de la disertacio indas mencii tiun, ke la disertinto insiste kaj konsekvence nomas L.Zamenhof-on ne la aŭtoro, sed la iniciatinto de Eo. Ja unu homo, kiom ajn elstara, ne povas krei lingvon. Majstro donis al ni genian projekton. Lingvigis ĝin E-istoj. Melnikov kontraŭas la kutiman prezenton de Eo kiel artefarita lingvo.

Duone artefarita estis la projekto (duone, ĉar el naturaj elementoj, artefarita, ĉar la projekto aperis ne per si mem, sed kiel io homfarita). La posta evoluo okazas jam laŭ objektivaj leĝoj, validaj por ĉiuj lingvoj. Do, Eo estas "infano el retorto" – "koncipiĝis" nenature, evoluas nature.

La 24-an de decembro ĉe la Ĉuvaŝa Ŝtata Universitato (Ĉeboksari) okazis defendo de la disertacio. (Cetere ĝi iĝis la unua doktora interlingvistika disertacio, defendita teritorie de la eksa USSR kaj nuna Rusio.) Tre altan pritakson al la verko donis vicdirektoro de la Orientologia Instituto de la Rusia Scienca Akademio V.Alpatov. Postdefende li diris al la disertinto, ke ties esploro devas esti vaste konata, tial li sendis recenzon pri la koncerna monografio al la gazeto "Filologiaj sciencoj". Venis ankaŭ pritakso de la konata germana interlingvisto D.Blanke, laŭ kiu la studego de Melnikov ne havas egalajn al si en la esplorita kampo kaj estas nepre tradukenda anglen aŭ almenaŭ esperanten, por ke vasta internacia publiko konu ĝin. La aŭtoro de pluraj interlingvistikaj libroj, profesoro de la Moskva Universitato S.Kuznecov emfazis ne nur la profundecon kaj argumentecon de la disertaĵo, sed ankaŭ ĝian pionirecon kaj ĉi-ligitan bravecon de la aŭtoro, kiu kuraĝis "paŝi sur kampon, kie ĉiu paŝo estas sur novalo". Pluraj membroj de la Disertacia Konsilio konfesis, ke la disertacio de A.Melnikov ŝanĝis ilian vidpunkton pri Eo. Unuvoĉe la disertacio estis aprobita. Nun ĉiuj koncernaj dokumentoj kuŝas en la Supera Atesta Komisiono de la Rusia Kleriga Ministerio, kiu sola rajtas atribui sciencajn gradojn kaj titolojn.

Post la defendo S.Kuznecov kaj A.Melnikov estis invititaj al la samurba Pedagogia Universitato. Tie ili havis vivecan konversacion-prelegon pri Eo kaj interlingvistiko, kiun interesite sekvis pluraj dekoj da studentinoj (la sola enkursa viro ĉi-tage forestis pro gravaj personaj motivoj). Kelkajn tagojn poste sekvis plua invito – por paroli kun vicdekano pri scienca laboro. Ĉiuj disiĝis kun varmaj reciprokaj sentoj. Estas decidite evoluigi kunlaboron. Ĉu vere okazos? Almenaŭ la intencoj estas sinceraj ĉies-flanke.

***A.Melnikov (Rostov-na-Donu),***
***fotis S.Kuznecov***

---

Kruko kaj Baniko decidis fari unusemajnan fiŝkaptan ferion. Ili luprenas ekipaĵojn: kanojn, bobenojn, vadsurtutojn, remboaton, arbarkabanon, kaj eĉ terenaŭtomobilon. Tio kostas al ili malgrandan trezoron.

La unuan tagon ili frue ekfiŝas... sed kaptas absolute nenion, malgraŭ la kvalita ekipaĵo. Same okazas la duan tagon, kaj la trian tagon... Kaj tiel plu – ĝis, finfine, la lastan tagon de la ferio unu el ili kaptas fiŝon.

Veturante hejmen ili estas deprimitaj. Kruko turnas sin al Baniko kaj diras: "Ĉu vi komprenas, ke tiu ĉi unu fiŝetaĉo kostis al ni pli ol mil eŭrojn?"

Kaj Baniko respondas: "Ĉu tiom? Bonŝance, ke ni ne kaptis pliajn!"

***(Esperanto-anekdotoj)***

*Giuseppe Castelli (Italio)*

# Prezenti Esperanton

*(daŭrigo; vidu la komencon en REGo, № 3(22), 2004)*

**4. ĈION BONAN (KAJ VERAN)**

Ofte nia prezentado de Esperanto konsistas el penado konvinki onin, ke ĝi povus solvi la *lingvajn problemojn*. Bedaŭrinde, pri la ekzisto de tiaj problemoj la ordinaruloj ne scias aŭ ne interesiĝas; maksimume, la plej konsciaj inter ili subtenus pli vastan instruadon de fremdaj lingvoj – ĉefe de la angla.

Ŝanĝi tion estas ege malfacila laboro. Pri ĝi povas okupiĝi fakuloj, kompetentaj pri lingvopolitiko kaj kapablaj prezenti siajn tezojn al la kolegoj aŭ eĉ al la ĝenerala publiko. Ni, la ordinaruloj, pri lingvopolitiko scias preskaŭ nenion; kaj batalon kontraŭ la angla lingvo ni prefere ne faru, ĉar ni havas neniun ŝancon venki ĝin.

Foje, kiam mi tiel argumentas, oni respondas: "Vi estas *raŭmisto*".

Raŭmistoj opinias Esperanton la identigilo kaj la arta perilo de diaspora komunumo; kaj tiun komunumon ili komencis organizi per konstitucio, senato, kortumo, konsulo, flago, himno... Sed, laŭ mia sperto, la averaĝa esperantisto ne tro interesiĝas pri arta perado kaj ne sentas bezonon de identigiloj; do tiu *diaspora komunumo* estas same virtuala, teoria kaj malutila al informado, kiel la tiel nomata *fina venko* super lingvaj problemoj.

Aliajn fojojn oni respondas al mi: "Vi estas *konsumisto*, vi volas prezenti nur amuzaĵojn".

Ankaŭ tio malveras: mi volas prezenti pri Esperanto *ĉion*, kio estas (*ne* -os aŭ -us, sed -as) samtempe *vera* kaj *pozitiva*. Ekzemple:

– Per Esperanto mi lernis multe. Mi vojaĝis, renkontis homojn el multaj landoj, legis librojn kaj aŭskultis muzikon el aliaj kulturoj.

– Mi spertas agrablan senton de justeco uzante neŭtralan lingvon sed ne nacian. Eble tio same bone funkcius ankaŭ por politikistoj, sciencistoj, eĉ por la tuta homaro; sed lingvopolitiko ne estas mia fako, do pri tio mi ne diskutas.

– Mi lernis Esperanton kun multa plezuro kaj relative senpene (ankaŭ pri lingvopedagogio mi ne kompetentas, do mi ne povas konkludi el mia sperto ion ĝeneralan).

– Agante en nacia kaj internacia organizoj, mi povis multe trejniĝi, spertiĝi kaj agrable kunlabori kun aliaj aktivuloj pri konkretaj projektoj: festivaloj, seminarioj, laborbrigadoj, interretaj aferoj...

– Kompreneble per Esperanto mi ankaŭ amuziĝas; sed ja prezenti nin kiel ĝuemulojn, okupiĝantajn nur pri drinkado kaj flirtado, estus ne nur malutile, sed ankaŭ malprave.

Kaj tiel plu. Esperanto estas viva, moderna, alternativa, interesa: evidentigu tion rakontante *viajn* spertojn. Eta realaĵo povas pli bele impresi ol ambicia teorio.

## 5. TRA LA ONDO VENAS

Antaŭ kelka tempo mi dufoje intervjuiĝis pri Esperanto ĉe la Itallingva Svisa Radio. Kiel ofte okazas, la sperto estis parte kontentiga, parte ne; certe instrua. Jen kelkaj miaj "malkovroj": eble ili utilos ankaŭ al vi.

***Ne eblas diri ĉion***

La tempo kuros multe pli rapide ol vi imagas. Eĉ unuhora elsendo apenaŭ sufiĉos por komprenigi kio estas Esperanto: tute ne restos tempo por detaloj. Ekz. dum la unua intervjuo oni demandis min pri la historio de nia lingvo. Supozeble tio devus daŭri ne pli ol tri el la haveblaj tridek minutoj; sed mi iel perdiĝis provante rakonti kiu estis Zamenhof kaj kie li vivis, kaj post tri minutoj la petita historio eĉ ne estis komencita!

Tiu ĉi problemo ne tro malhelpos vin se jam dekomence vi konscios, ke al ĉiu demando eblas respondi nur tre supraĵe. Klopodu doni la esencan informon dum la unuaj kvin aŭ dek sekundoj: eble poste vi sukcesos iom pli detaligi, eble ne; sed almenaŭ la ĉefajn punktojn vi sukcesos komuniki.

Verŝajne vi volos prepari vin antaŭ la intervjuo notante iom da menciindaĵoj. Mi, ekzemple, skribis sur A4-folion dudekon (aŭ eĉ pli) da dirotaj aferoj kaj markis per sagoj la ligojn inter ili; sed dum la intervjuo tio apenaŭ helpis: la konversacio postulis koncentriĝon kaj mi preskaŭ neniam sukcesis trovi la ĝustan noton en la ĝusta momento! Do mi konsilas: ja notu, sed nur tri aŭ kvar neforgesendajn aferojn (ekz. kontaktinformojn pri via organizo).

***Estu trankvila***

Antaŭ la intervjuoj mi timis, ke mi tre malbone parolos, ke miaj respondoj tro ofte komenciĝos per "Ĥmm... do... eee..."?, ktp.; sed laŭ posta klarigo de la ĵurnalisto, ne indis multe zorgi pri tio. La aŭskultantoj eĉ ne rimarkas, ĉu la intervjuato parolas kiel profesiulo aŭ foje hezitas. Pli gravas, ke vi sonu trankvila. Ne pretigu vin tro streĉe; simple aŭdiĝu, ke vi prezentas faktojn de vi sufiĉe bone konatajn, do vi ne havas kialon nervoziĝi.

***Kreu amikan etoson***

La tempo neniam sufiĉas, do klopodu uzi ĝin por informi pri Esperanto kaj samtempe doni bonan impreson pri ĝi, danke al la bona etoso de la elsendo. Rilatu amike al la intervjuanto kaj al la aliaj gastoj aŭ intervenantoj. Se iu diras ion tre malĝustan pri Esperanto, afable prezentu vian malsaman vidpunkton, kaj eble oni komprenos kaj eĉ konvinkiĝos, se vi ne kaptiĝos en tempokonsumajn polemikojn! Se ekz. la ĵurnalisto mencias konflikton inter la angla lingvo kaj Esperanto, rakontu ke laŭ via sperto tia konflikto ne ekzistas. Se li enkondukas tro abstraktan temon kiel "Ĉu Esperanto estas artefarita?", savu vin portante la konversacion al io pli praktika, ekz. via vojaĝo en Nepalo aŭ via ŝatata romano: tio sufiĉe facilas, kiam la etoso estas amika.

Afabla etoso eĉ pli gravas se kun vi gastas alia esperantisto. Eble li havas iom aliajn vidpunkton, stilon kaj prioritatojn ol vi, sed konflikti kun li antaŭ neesperantistoj ja estus katastrofe!

***Kiun kontakti***

Por ke vi sufiĉe trankvilu kaj por havi agrablan kaj efikan etoson, ja gravegas la sinteno de la ĵurnalisto. Mi, ekzemple, proponis la intervjuon al ĵurnalisto kies programerojn mi foje aŭdis, kaj kiu laŭ mia impreso povus reagi pozitive; kaj mi ĝuste divenis: li entuziasmiĝis pri Esperanto kaj post la unua intervjuo eĉ invitis min tagmanĝi kune por iom babili. Rezulte, la duan fojon mi parolis pli malstreĉe kaj efike. Certe ne ĉiam eblas intervjuiĝi en tiel favora situacio; sed se vi intencas proponi vin ĉe iu radiostacio, nepre aŭskultu ĝiajn programerojn kaj kontaktu tiujn, kiuj ŝajnas al vi malfermitaj: la aliaj vere ne indas.

***Kiel kontakti***

La elsendo, kiun mi elektis, bonvenigas retan kontakton, do mi retmesaĝis al ĝia redaktejo. Eble aliaj preferas telekopion aŭ telefonan vokon: kompreneble indas agi laŭe. Ĉiukaze klarigu, per du aŭ tri simplaj frazoj, kiun temon vi proponas kaj kial. Aldonu, ke vi pretas diskuti vian proponon kaj, laŭnecese, doni kromajn informojn, trovi alian intervjuoton pli kompetentan ol vi, kaj provizi diskon kun Esperanta muziko (taŭga por tiu stacio kaj tiu programero).

Indas mencii kelkajn informajn retpaĝojn pri Esperanto; sed elektu ilin zorge kaj ne donu tro multajn. Ekz. mi metis ankaŭ ligilon al la Manifesto de Prago, kio montriĝis eraro, ĉar la ĵurnalisto ja legis ĝin kaj volis demandi min pri ĝi, sed horo aŭ eĉ pli mallonga tempo vere ne sufiĉas por ekdiskuti pri manifestoj.

***Estu la mastro de la situacio***

La intervjuo laŭeble iru laŭ direkto de vi decidita; ĝi tuŝu la temojn kiujn vi opinias gravaj (tio rezultu el viaj lertaj respondoj, ne el malkaŝa postulo al la ĵurnalisto, aŭ eĉ, pli malbone, el kverelo kun li!). Foje tamen tio ne eblos. Ekz. aŭskultanto povus telefoni kaj komenci malutilan polemikon kun la ĵurnalisto aŭ foruzi valoran tempon pri iu malgrava detalo. En tia kazo, verŝajne ekzistas neniu solvo krom resti trankvila kaj ne estigi plian konflikton kun la interveninto, sed atendi la unuan ŝancon por reenkonduki pli taŭgajn (por vi) temon kaj etoson. La malŝparitaj minutoj estos perditaj por ĉiam, sed kion fari?

***Povus esti pli malbone***

Eĉ se ne ĉio iros laŭ viaj deziroj, ne senesperiĝu, sed provu lerni ĉion lerneblan el via sperto, kaj ankaŭ el aliaj. Ekz., kelkajn tagojn post miaj intervjuoj, la sama elsendo temis pri la naturisma movado. La gasto parolis tute klare, informe kaj ekvilibre, sed la ĵurnalisto (alia ol "mia") kaj la telefonantoj kaptis absolute nenion: iliaj gigantaj antaŭjuĝoj restis plene neŝanĝitaj. Mi lernis ke, kompare al naturismo, prezenti Esperanton vere facilegas...

***(represo el la revuo "l'esperanto")***

## PREZIDANTO DE UEA ALPAROLIS LA KOMISIONON DE UN PRI HOMAJ RAJTOJ

Du reprezentantoj de UEA, Prezidanto Renato Corsetti kaj mag. Andy Künzli, partoprenis la laboron de la 61-a Sesio de la Komisiono pri Homaj Rajtoj de Unuiĝintaj Nacioj en Ĝenevo. La Sesio mem daŭras dum unu monato kaj alfrontas ĉiujn subtemojn ligitajn al la respekto de la homaj rajtoj en ĉiuj partoj de la mondo. La reprezentantoj de UEA partoprenis en la tagoj, en kiuj oni diskutis i.a. pri kulturaj rajtoj kaj edukado.

Partoprenante kunvenon kun la Speciala Raportisto pri la rajto je edukado, M.Vernor Munôz Villalobos, la reprezentantoj de UEA ricevis la rajton alparoli la kunvenon. En siaj alparoloj Renato Corsetti, prezentinte Universalan Esperanto-Asocion kaj la apartan intereson de esperantistoj pri lingvaj homaj rajtoj, substrekis la neceson ke la fina rezolucio emfazu ankoraŭ pli la rajton je la edukado en la denaska lingvo de infanoj kaj la lingvajn homajn rajtojn ĝenerale. La interveno de Corsetti estis akceptita de la Speciala Raportisto, kiu mem citis sukcesajn kazojn de edukado en la gepatra lingvo kaj promesis sekvi la temon dum sia mandato. Tuj poste ankaŭ la reprezentanto de Unesko, sinjoro Singh, de la fako pri lingva diverseco de Unesko, petis parolrajton por klarigi, ke tio kongruas kun la nuna politiko de Unesko mem. Fine de la kunveno en interparolo kun la Speciala Raportisto de UN estis interŝanĝitaj promesoj pri estonta kunlaboro inter UEA kaj la Speciala Raportisto, juna kostarika diplomato, kiu intencas lanĉi tra la mondo serion de enketoj pri ĉi tiuj temoj kaj bonvenigas kunlaboron de esperantistoj. La reprezentantoj de UEA profitis la okazon ankaŭ por altiri lian atenton al la skriba deklaro de UEA, kiu estis jam prezentita al ĉiuj landaj delegitaroj.

La reprezentantoj de UEA disdonis informan materialon al reprezentantoj de pluraj Ne-Registaraj Organizaĵoj. Ĝi estis disponigita ankaŭ sur la tabloj rezervitaj por la NRO-oj kaj ĉe kontaktoj kun landaj delegitaroj kaj kun alispecaj gravuloj, kiel Marco Pannella, eŭropa parlamentano, interesiĝanta pri Esperanto.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 204)***

## NITOBE-SIMPOZIO PRI LINGVOPOLITIKAJ SEKVOJ DE LA PLIAMPLEKSIĜO DE EU

Post la lingvopolitikaj Nitobe-Simpozioj kadre de la Universalaj Kongresoj en 1996 en Prago, en 1999 en Berlino kaj en 2004 en Pekino, estas planate okazigi la 4-an Simpozion tuj post la 90-a Universala Kongreso en Vilno, de la 30-a de julio (sabate posttagmeze) ĝis la 1-a de aŭgusto 2005 (lunde posttagmeze). La aktoj de la 1-a kaj 3-a simpozioj (resp. “Al lingva demokratio” kaj “Al nova internacia

lingva ordo”) aperis libroforme kaj haveblas ĉe UEA.

La simpozioj ricevis la nomon laŭ la japana diplomato Nitobe Inazô, asista ĝenerala sekretario de la Ligo de Nacioj, kiu post partopreno de UK en 1921 en Prago prezentis raporton pri Esperanto al la monda organizaĵo. La raporto estis represita en la aktoj de la 1-a Simpozio.

La Nitobe-Simpozioj celas diskutigi gravajn lingvopolitikajn problemojn ĉirkaŭ la temoj de lingva egaleco kaj internacia lingva komunikado, samtempe indikante pri alternativa lingvopolitika modelo, kiun jam prezentas aŭ povus prezenti la utiligo de Esperanto. La organizantoj invitas renomajn neesperantistajn lingvistojn kaj alifakajn kompetentulojn pri lingvopolitikaj problemoj. La simpozioj estas direktitaj unuavice al neesperantistoj.

La 4-a Nitobe-Simpozio en Vilno traktos la kadran temon “Lingvopolitikaj aspektoj de la pliampleksigo de Eŭropa Unio”. Pri kio temas? Inter la multaj demandoj levitaj pro plivastigita membraro de Eŭropa Unio estas la demando pri lingvoj. Kiujn aranĝojn oni faru pri la uzo de lingvoj en la diversaj EU-instancoj mem, kaj kiujn politikojn oni enkonduku ekzemple rilate la lernadon de lingvoj en la edukaj sistemoj de la diversaj landoj? La aktuala manko de formalaj politikoj en tiu ĉi tereno iom post iom kondukas al neformalaj aranĝoj, kiuj povus minaci la lingvojn kaj la kulturajn valorojn de iuj pli malgrandaj ŝtatoj kaj povus kompromiti la principon de egaleco inter ŝtatoj-membroj. La planata simpozio en Vilno celos esplori la diversajn politikajn alternativojn kaj atingi interkonsenton pri kelkaj bazaj rekomendoj koncerne la lingvan politikon de EU en la novaj kondiĉoj.

Inter la aŭspiciantoj de la 4-a Nitobe-Simpozio estas la Litova Parlamento, la Universitato de Vilno, la Litova Akademio de Sciencoj kaj Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo (CED).

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 204)***

## JARLIBRO – RETE!

Por la individuaj membroj de UEA estas lanĉita nova reta servo: aliro al la aktualaj informoj pri la Delegita Reto kaj al aliaj movadaj informoj per Interreto.

Ne estas sekreto, ke iuj informoj en la Jarlibro iĝas malaktualaj jam antaŭ ol ĝi eliras el la presejo. Dum la jaro la fluo de korektoj pri novaj retadresoj, stratadresoj, telefonnumeroj, renomitaj stratoj kaj foje eĉ landoj, neniam haltas, tiel ke je la momento, kiam aperas nova Jarlibro, signifa parto de la antaŭa jam ne estas fidinda.

Ekde nun aldone al la papera poŝformata libro UEA-membroj ricevas la eblon konsulti ĉiam aktualajn informojn rete – kun ĉiuj korektoj, konataj al UEA.

La sistemo ĉerpas la informojn rekte el la komputiloj de la Centra Oficejo kaj prezentas ilin en la maniero simila al la papera eldono, sed samtempe kun oportunaĵoj kutimaj por la retuzantoj: serĉiloj, hiperligoj, retpoŝto k.s.

La reta Jarlibro estas atingebla per la adreso <http://reto.uea.org>. Eniri ĝin rajtas ajna individua membro de UEA. La sola limigo estas, ke la membroj kun Gvidlibro vidas nur la movadajn informojn.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 204)***

## UEA FARIĜIS PLI GRANDA EN 2004

La kresko de la membraro de Universala Esperanto-Asocio, kiu komenciĝis en 2003, plifortiĝis en 2004. UEA havis pasintjare entute 18002 individuajn kaj aligitajn membrojn. Tio superas per 1024 la membronombron en 2003 (16978) kaj per 1740 tiun en 2002 (16262). Kompare kun 2003 la tuta membraro pligrandiĝis per 6,0% kaj kompare kun 2002 per 10,7%. La nombro de landoj kun UEA-membroj kreskis el 111 en 2003 al 114 en 2004.

Pasintjare kotizis 5854 individuaj membroj, t.e. je 140 (2,5%) pli ol en 2003. La distribuo inter la diversaj kategorioj estis (interkrampe la nombro en 2003): Membro kun Gvidlibro 403 (375), Membro kun Jarlibro 1224 (1197), Juna Membro kun Jarlibro 265 (231), Membro-Abonanto 2863 (2799), Juna Membro-Abonanto 136 (139), Dumviva Membro 823 (843), Juna Dumviva Membro 25 (23), Dumviva Membro kun Jarlibro 33 (26), Juna Dumviva Membro kun Jarlibro 10 (6), Honora Membro 62 (65), Honora Patrono 10 (10).

Francio kaj Germanio tradicie rivalas pri la unua loko laŭ la nombro de individuaj membroj de UEA. Kvankam en Francio tiu nombro pasintjare iom malkreskis kaj en Germanio kreskis, Francio kun 588 membroj ankaŭ pasintjare venkis Germanion, kies nombro estis 558. En 2003 la nombroj estis resp. 601 kaj 549. Aliaj landoj kun pli ol 100 individuaj membroj estis (interkrampe la nombro en 2003): Brazilo 394 (404), Usono 374 (371), Japanio 368 (376), Nederlando 262 (259), Italio 196 (204), Svedio 190 (215), Finnlando 185 (200), Britio 176 (166), Rusio 167 (167), Ĉinio 165 (130), Hispanio 164 (142), Belgio 158 (148), Litovio 112 (44) kaj Svislando 102 (110).

La nombro de aligitaj membroj, t.e. tiuj membroj de la aliĝintaj landaj asocioj kiuj ne membras individue en UEA, estis 12148. En 2003 ili nombris 11264, tiel ke la kresko estis 884 (7,8%). La landoj kun pli ol 200 aligitaj membroj estis: Ĉinio 1050 (same 1050 en 2003), Japanio 1001 (1069), Italio 771 (821), Germanio 649 (682), Vjetnamio 600 (150), Belgio 593 (641), Britio 516 (403), Francio 468 (564), Pollando 450 (100), Brazilo 356 (246), Nederlando 293 (277), Usono 285 (350), Korea Resp. 279 (278), Hispanio 268 (325), Svedio 260 (400), Togolando 250 (250) kaj Kroatio 238 (218).

Ĝojiga estas la kresko de junaj individuaj membroj de UEA, kiuj samtempe konsistigas la individuan membraron de ĝia junulara sekcio TEJO. En la junularaj kategorioj kotizis entute 436 individuaj membroj. Kompare kun 399 en 2003 temas pri kresko je 9,3%. Inter la aligitaj membroj estis 1840 junaj, kio estas iom malpli ol en 2003 (1908). Parto de la junaj aligitaj membroj preterpasis la aĝolimon, sed parte la nombro fluktuas ĉiujare ankaŭ pro tio, ke ne ĉiuj landaj asocioj registras la aĝon de siaj membroj, pro kio raportante al UEA ili nur proksimume taksas la nombron de siaj junaj membroj.

Pozitiva evoluo en 2004 estis ankaŭ la rekresko de la nombro de pagitaj abonoj de la revuo “Esperanto” el 4049 al 4118. Krom 3919 individuaj membroj en la re-vuaj kategorioj, estis 199 ne-membraj abonantoj (170 en 2003). Post multjara fa-lado ankaŭ la junulara revuo “Kontakto” denove registris kreskon kaj havis en di-

versaj kotizkategorioj entute 839 pagintajn ricevantojn (828 en 2003).

Laŭlanda membrostatistiko aperas en la aprila numero de la revuo “Esperanto”. Kotizpagoj por 2004, kiuj atingas la Centran Oficejon post la pretigo de tiu statistiko, estos inkluzivitaj en la definitivaj oficialaj ciferoj, kiujn oni publikigos en la Estrara Raporto pri la jaro 2004 en la junia numero de “Esperanto”.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA, № 202)***

## UEA ĈIAM PLI POPULARA

Post la publikigo de la statistiko pri la membraro de UEA en la jaro 2004 la Centra Oficejo ricevis demandojn pri la evoluo de la membraro en la nuna jaro.

La kresko de la membraro estas eĉ pli forta ĉi-jare. Pro manko de statistikaj informoj ne eblas kompari la membronombron fine de marto 2005 kun tiu fine de marto 2004. La plej fruaj informoj el 2004 estas de la 12-a de majo, kiam 4784 membroj estis kotizintaj. Fine de marto 2005 la nombro estis 4816. Sekve la membronombro jam en marto superis per 32 la nombron meze de majo pasintjare. Kvankam tio parte rezultas el pli efika administrado en la Centra Oficejo, ĉefe temas pri efektiva kresko. Surbaze de la spertoj en antaŭaj jaroj la marta membronombro supozigas finan kreskon je 200-500 individuaj membroj kompare kun 2004, sed eĉ pli forta kresko estas reale atingebla.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 204)***

## A-NIVELA ĈALK-EKZAMENO

La 30-an de marto 2005 en Moskvo okazis A-nivela ĈALK-ekzameno. En la ekzamena komisiono estis I.Gonĉarova, N.Gudskov (membroj de ĈALK) kaj O.Ĉajka (B-nivela diplomito). Ekzameniĝis 4 personoj: Jekaterina Volkova – perfekte, Tatjana Valiulina – bone, Anna Ŝtondina – bone, Anna Gamaleja – kontentige.

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

## NOVAJ REU-ALIĜOJ POR 2005

**ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ**

**Moskva EK MASI** (+14 aligitaj membroj): *Budinovskaja Jelena, Burgar Ksenija, Ĉajkova Anna, Ĥlobistov Georgij, Kokorev Dmitrij, Kudrjaŝova Alla, Morozova Jelena, Morozova Viktorija, Smikov Ilja, Solodenko Denis, Ŝvedov Kirill, Trocevskij Andrej, Volkova Jekaterina, Voronova Nadeĵda*

**Vladivostoka E-klubo “Pacifiko”** (15 membroj): *Abisova Ljudmila, Arĥipova Ljudmila, Bratĉikova Rada, Ĉernozub Ljudmila, Gorbunov German, Koneva Galina, Makoveckaja Olesja, Makoveckij Aleksej, Neunilova Nadeĵda, Pilneva Dina, Semjonova Valentina, Ŝlepĉenko Gennadij, Tiŝĉenko Margarita, Titajev Aleksandr, Zaloznaja Ljubovj*

**Samara E-klubo** (17 membroj): *Agafonova Ljudmila, Aleksejeva Olga, Alfjorova Jelena, Aljakina Ljudmila, Balabancev Maksim, Fejgin Igorj, Kaplun Jelizaveta,*

*Kaĉergina Rimma, Kuznecova Jelena, Kukoba Oleg, Lisijenkova Valentina, Polanskaja Jelena, Prilepskaja Marija, Purigina Emilija, Suslov Vjaĉeslav, Ŝadrin Valerij, Tibatin Aleksandr*

**INDIVIDUAJ MEMBROJ**

*Alikin Viktor (Permj), Belenjuk Galina (Soĉi), Bespalov Vladimir (Soĉi), Burgar Lilija (Rostova reg.), Ĉuprakova Nina (Moskvo), Ivaniŝĉenko Darja (Jelec), Jaĥina Alla (Krasnojarsk), Jaroŝenko Jelena (Rostova reg.), Koklenkov Anatolij (Moskvo), Kroter Stanislav (Sverdlovska reg.), Kuljkov Jevgenij (Vladimir), Kuznecov Aleksej (Kostroma), Laptev Viktor (Ĉeljabinsk), Muraŝev Aleksandr (Sankt-Peterburg), Olejnikova Natalja (Soĉi), Poliŝĉuk Irina (Soĉi), Sergejev Sergej (Soĉi), Tarĥan Ermita (Moskvo), Terjoĥin Vladimir (Jekaterinburg)*

**FAMILIA MEMBRO**

*Ivaniŝĉenko Vsevolod (Jelec)*

---

***Ĉe la adreso <www.comail.ru/~esperanto/membroj-05.htm> ĉiam eblas vidi aktualan liston de la membroj.***

## REU-KOTIZOJ POR LA JARO 2005

50 rubloj (por eksterrusianoj – 5 eŭroj) – ***individua kotizo*** (la membrokarto, Jarlibro de REU, REU-bulteno kaj aliaj informoj de REU, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

1250 rub. (por eksterrusianoj – 125 eŭroj) – ***dumviva kotizo*** (ĉio la sama dum la tuta vivo);

25 rub. – ***familia kotizo*** (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

100 rub. + 25 rub. por ĉiu aligita membro (ne malpli ol 5; krom individuaj membroj de REU) – ***kolektiva kotizo*** (po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliaj informoj de REU por la kolektivo; la membrokartoj, voĉdonrajtoj en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj por la aligitaj membroj).

*La rabatita abono de REGo por ajna individua membro de REU (inkluzive la dumvivajn kaj familiajn, sed ne por la aligitaj) en 2005 kostos 100 rublojn (por la eksterrusianoj – 12 eŭrojn). La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003 (kaj tial ilia kotizo enhavis la koston de REGo), plu ricevados REGon sen aldona pago. Aliaj dumvivaj membroj (kies kotizo ne inkludis la koston de REGo) por ricevi la gazeton devos pagi ĉiujare la rabatitan abonkoston.*

***La rublaj kotizoj sendendas al: Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская обл.; la eйraj kotizoj pagendas al la konto reua-p ĉe UEA.***

# REJM-info

## BONVENON al OkSEJT

Junulara Esperanto-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko (JEAĈR) aŭspicie de Rusia Esperantista Junulara Movado (REJM) organizas la 45-an Okcidentan Someran Esperantistan Junularan Tendaron (OkSEJT) inter la 20-a kaj 28-a de julio 2005 (tuj post la interkultura tendaro, organizata de JEAĈR, kaj ĝuste antaŭ IJK en Pollando) en la bazejo "Surskij Utjos" proksime de Ŝumerlja (Ĉuvaŝa Respubliko) (kun tendaj kaj furgonetaj loĝkondiĉoj).

Ĉi-jara OkSEJT estos netradicie lingva kun tradicia grupa laboro. En la programo estas antaŭvidataj:

– diversnivelaj lingvaj kursoj,
– konferenco de REJM,
– Somera Universitato,
– porkomencantaj rondoj,
– vigla vespera programo,
– diversaj seminarioj (kiel organizi kurson de Esperanto, kiel lerni fremdajn lingvojn),
– specialaj diskutrondoj pri la movado.

Specialan atenton ni donos al:

– bela naturo,
– lingva kulturo,
– lignofajro kaj gitarkantado,
– Anatolo Gonĉarov, kiu estos speciala gasto.

Ni speciale invitas tiujn, kiuj

– volus aktive partopreni la tendaron,
– emas apliki Esperanton en ĉiutaga tendara vivo,
– pretas provizi nin per bela gitara, fluta aŭ simila muziko,
– ŝatus organizi interesajn primovadajn, grupdinamikajn, interkulturajn programerojn.

Alĝkotizoj: aliĝo antaŭ la 1-a junio – 200 rubloj, aliĝo surloke – 250 rubloj. REJM-anoj kaj infanoj sub 14 jaroj rajtas ricevi 100-rublan rabaton. La beboj rajtas aliĝi senpage! En la sendota aliĝilo bonvolu indiki jenajn informojn pri vi: Plena nomo, Naskiĝdato, Plena adreso, Retadreso, Loĝkondiĉoj, Membreco en REJM (kaj en aliaj E-organizoj), Lingva nivelo, Proponoj pri la tendara programo, La

aliĝkotizon mi transdonis (sendis) al (indiku la personon), Dato.

Loĝkondiĉoj. Oni loĝos laŭelekte: en furgonetoj (la kvanto de lokoj estas limigita per 30!) aŭ en propraj tendoj. Provizora prezo por la furgoneta varianto (kun 4-litaj ĉambroj) estas 100 rubloj por tagnokto/persono; provizora prezo por la tenda varianto estos 20 rubloj por tagnokto/persono.

Manĝkondiĉoj. Ni mem organizos kunzorgan manĝadon en somerverando. La provizora prezo por trifoja manĝo estas 120 rubloj por tagnokto/persono.

Aliĝilon kaj viajn eventualajn demandojn bv. sendi (aŭ transdoni) al Irina Semjonova <irina_sem@rambler.ru> kaj kopie al <lingvo@tppchuvashia.ru>. Aliĝkotizan monon sendu al Антонина Игоревна Мулюкова (428038, Ĉeboksari, ul. Entuziastov 38/8 – 195) aŭ transdonu al la reprezentantoj de REJM en la urboj: Moskvo – Valentina Sidorova (tel. 1776145, poŝtelefono – 8-903-1951014, retadreso <grimpi@bk.ru>), Krasnojarsk – Konstantin Ĥlizov (tel. 235259) aŭ Anna Morskaja (tel. 949806, retadreso <gornijveter@mail.ru>), Volgrograd – Anatolij Krasnokutskij (tel. 735652, poŝtelefono 8-905-3340612, retadreso <tolikkk@interdacom.ru>)… kaj eventuale en aliaj urboj.

La organiza komitato:

***Irina Semjonova – ĉeforganizanto <irina_sem@rambler.ru>,***
***Kostja Viĥrov – teknika parto <vihrov@inbox.ru>,***
***Tonja Muljukova – vespera programo kaj financoj <antonja@mail.ru>,***
***Anja Morskaja – instrua programo <gornijveter@mail.ru>.***

Pliaj informoj por la aliĝintoj venos tuj post la 1-a de majo.

---

# EKSTERA AGADO

Tuthazarde paralele kaj samtempe (la 16-17-an de aprilo) okazis 2 gravaj eventoj, kie rusiaj esperantistoj havis eblon montri sin al ekstera publiko. La unua estis Junulara Forumo enkadre de Tutrusia Socia Forumo, kiu okazis en Moskvo en Universitato de Junularo kaj kunvenigis pli ol 100 partoprenantojn. Krom prezentado de REJM moskvaj aktivuloj okazigis diskutrondon pri lingvaj rajtoj kaj junulara toleremo. La dua estis vica Volgograda Lingva Festivalo, kiu jam trifoje sukcese trapasis dank' al aktiveco de lokaj esperantistoj, finaca subteno de Volgograda komitato pri junularaj aferoj kaj "ŝildo" de REJM. Tamen ĉi-foje REJM ankaŭ partoprenas financadon, esperante, ke nombro de REJM-anoj kaj interesiĝantoj pri Eo en Volgograd rimarkeble plimultiĝos post la Festivalo kaj iasence la mono "funkcios". "Atestojn de ĉeestintoj" de ambaŭ aranĝoj legu en la sekva REGo!

Karaj REJM-anoj! Ni rememorigas al vi, ke kaze se vi konsideras iun eventon grava kaj utila por partopreni aŭ vi kontaktas iun interesan organizon, kaj tio postulas de vi iujn resursojn, kiujn vi ne posedas, bonvolu ne heziti turni sin al REJM-komisiito pri eksteraj rilatoj: <er.rejm@mail.ru> aŭ <benita@mail.ru>. Ni kune rakontu al samlandanoj pri Esperanto kaj REJM!

***Alla Kudrjaŝova (Moskvo)***

# Eksciu, ke...

## ESPERANTO EN “SCIENCO KAJ VIVO”

En la unua numero (2005) de la fama scienc-populara revuo “Nauka i ĵiznj” (Scienco kaj vivo) (pp. 102-109) aperis granda materialo pri Esperanto. Ĝi konsistas el redakcia enkonduko, 3-paĝa artikolo de prof. A.D.Duliĉenko (Tartu) “Nadejuŝĉijsja” (Esperanto), 3,5-paĝa artikolo de T.V.Auderskaja (Odeso) “Neturistiĉeskoje puteŝestvije” (Neturisma vojaĝo) kaj 1,5-paĝa letero de V.Orlov, “Sudjba esperantista” (Sorto de esperantisto). Krome troviĝas, kiel lingva ilustraĵo, la fama traduko far K.Gusev de la versaĵo de M.Lermontov “Velo”.




La materialoj estas altnivelaj, kompetente verkitaj. La sola granda fuŝo estas misskribo de la familinomo de Tatjana Auderskaja – estas ial skribite 3-foje “Auzerskaja” (do, ne preseraro!). En la artikolo de Duliĉenko temas pri historio de la mondlingva problemo, la lingvoj Volapük kaj Esperanto (proksimume egalkvante). La bildo pri la problemo estas iom “objektivisma” (aperas ankaŭ skeptikaj notoj pri E-kulturo), sed tamen interesa (ne ĉiuj esperantistoj scias sufiĉe pri Volapuko, por ili donitaĵoj el la artikolo povas esti utilaj).

La artikolo de T.Auderskaja rakontas pri la persona sperto vojaĝi tra diversaj eŭropaj landoj (Polio, Hungario, Italio, Hispanio) helpe de Pasporta servo kaj iom – pri SAT-kongreso en Alikanto (kvankam sen klarigo pri SAT kaj ĝiaj specifaĵoj). La artikolo estas ilustrita de kelkaj fotaĵoj faritaj de la aŭtorino.

La letero de V.Orlov rakontas pri la instru- kaj korespondspertoj kaj pereo en 1938 pro akuzo pri spionado de lia parenco – esperantisto Nikolaj Pavloviĉ Usov, kiu estis instruisto en Kirgizio. Tre valora kontribuo al historio de nia movado!

Ĝenerale, estas granda sukceso por la movado tiom granda kaj diversflanka publikigo de priesperantaj materialoj en populara kaj serioza revuo. Evidentas, ke danki pri tio ni devas ĉefe s-inon Auderskaja.

La materialon eblas legi en la ttt-ejo de la revuo “Nauka i ĵiznj” laŭ la adreso <http://nauka.relis.ru/cgi/nauka.pl?27+0501+27501102+HTML>.

***(esperanto-rus-informoj)***

## EKZAMENO EN TIĤVIN

La 8-an de aprilo en la centra kulturdomo de Tiĥvin okazis A-nivela ekzameno por 5 kursfinintoj. La ekzamena komisiono taksis la lingvoposedon de kvar ekzamenitoj kiel perfektan, unu kursfininto montris bonan posedon de la lingvo. Okazis kuriozaĵo: Oljga Tiĥomirova, kiu finstudis pasintjare kaj estis ekzamenita de ĈALK dum Rusiaj Esperanto-Tagoj, venis libervole por esti ekzamenita de la kluba ekzamena komisiono. Ankaŭ ŝi montris perfektan lingvoposedon. Ĉiuj kursfinintoj planas partopreni somerajn E-aranĝojn.

***Viktor Kandalinskij, prezidanto de Tihvina Esperanto-klubo***

## NOVA E-KURSO EN SANKT-PETERBURG

La 7-an de aprilo startis nova Esperanto-kurso en Sankt-Peterburg. Ĝi okazis en la Sankt-Peterburga Instituto de Informadiko, iama Sankt-Peterburga lernejo de Karl Maj, kiu donis al la mondo multajn famulojn – sciencistojn kaj artistojn, heroojn kaj pedagogojn... En la unua leciono (du horoj) Mikaelo Kolodin, Oksana Burkina kaj Slavik Ivanov prezentis la fenomenon de Esperanto al ĉeestantoj. La kurson gvidos kelkaj personoj por doni diversflankan bildon pri Esperanto. Krom menciitaj partoprenos kompetentuloj pri apartaj temoj. Precipan dankon la organiza teamo esprimas al Mikaelo Kolodin, kiu sukcesis plenumi administrajn devojn por ebligi la kurson.

***Oksana Burkina (Sankt-Peterburg)***

## SUKCESA 100-JARA JUBILEO

Laŭplane okazis en Bulonjo-ĉe-Maro simpozio, organizita de UEA, kaj internacia amikeca renkontiĝo, organizita de Nordfranca Esperanto-Federacio, kune kun pluraj aliaj asocioj: UFE, SAT-Amikaro, Franca Federacio de Esperantistaj Fervojistoj, JEFO, Belga Esperanto-Federacio, kaj Brita Esperanto Asocio. Ambaŭ aranĝoj estis tre sukcesaj; ili allogis multajn partoprenantojn, kaj la programeroj estis senescepte altnivelaj: prelegoj de fakuloj, distraj aranĝoj, ekskursoj. Certe la plej emocia momento estis la sabata mateno, kiam oni inaŭguris la renkontiĝon en la sama teatro kiel en 1905, kaj poste parade iris tra la urbo al la Zamenhof-placo, kie staras la busto de la kreinto de Esperanto.

***(ret-info)***

## SALUTON AL VI, FESTEMULO!

Ni invitas vin al Francio, al ĉi-jara FESTO! Kies temo estas "Amo Ĉiam!" Ĉu stulta tem'? Ĉu ama FEST'? Vi mem venu kaj kontrolu, kio okazos en bela loko, perdita en la naturo apud bela lago (nepre pensu pri bankostumoj, ĉar ĉi-jare eblos sin bani!). La ĉi-jara FESTO okazos de la 20-a ĝis la 27-a de aŭgusto apud Mazamet, tuj apud la lago de Saint-Peyres, ie inter Castres kaj Carcassone. Post la bela suno de la okcidento, post la bela suno de la centro, jen venas la bela suno de la sudo de Francio. Pri la temo kion diri?.. Vi povos partopreni ludon por trovi amat(in)on, okazos konkurso pri amkanto (parodioj bonvenos) kaj aliaj (ne)stultaj programeroj pri am' (aŭ ne). Ni vin jam (re)invitas ankaŭ al nia granda maska balo,

kie vi povos intrigumi (aŭ ne) dum la tuta vespero. Kaj eĉ eblas ekvidi la teman programon irante al nia blogo <http://festo2005.blogspot.com>. Pri muziko ni jam povas anonci al vi, ke ni havas bonan esperon aŭskulti koncerton de "Kaj Tiel Plu" dum FESTO! Nepre partoprenindas... Do revumu kaj venu FESTumi kun ni! Eblas aliĝi ĉe: <http://festo.esperanto-jeunes.org> aŭ peti informojn ĉe <ben@netcourrier.com>.

***la organizantoj***

## VELURA SEZONO-11

Jalta E-klubo "Tero" pretas informi vin pri komenco de aliĝoj al la festivalo "Velura Sezono-11", kiu okazos 10-18-an de septembro 2005. Bonvolu viziti la renovigatan retejon <www.jaltaespero.narod.ru>. Ne forgesu, ke septembre en Jalta estas "velura sezono", kiam la maro estas varma kaj Jalta estas plenplena de ripozantoj kaj turistoj. Ĉar ĉi-jare ni atendas pli da partoprenantoj, ne hezitu anonci vin, kiel eventualan partoprenonton, por ne preterlasi la eblon kunĝui la festivalan etoson kaj ripozon en Jalta.

***(esperanto-rus-informoj)***

## TTT-EJO PRI UK EN 2006

La unua versio de la ret-paĝaro de la Universala Kongreso, kiu okazos en la itala urbo Florenco en 2006, jam funkcias ĉe la adreso <www.ukflorenco2006.it>. Ĝi momente celas ĉefe informi italojn pri Esperanto kaj pri Esperanto-Kongresoj kaj funkcias kunlige kun la paĝaro <www.esperanto.it>. Tamen tie troveblas ankaŭ kelkaj turismaj informoj pri Italujo, Toskano kaj Florenco. Pliajn informojn pri la UK eblas ricevi laŭ la adreso <uk2006.informoj@esperanto.it>.

***(NUN)***

## ĈU VI VOLAS HAVI "DON KIĤOTON" EN ESPERANTO?

"13-a Internacia Esperanto-Semajno de la kulturo kaj turismo" okazos de la 1-a ĝis la 8-a de oktobro 2005 en Calella (Barcelono), Hispanujo. Kontaktadreso: Luis Serrano Pérez, Apartado 423, 08200 – Sabadell, Hispanujo. Tel. +34-93-7275021; rete <luis_serrano@mixmail.com>, ttt-ejo <www.terra.es/personal5/lserrano2003>. Ĉiuj aliĝintoj ricevos senpage la verkon "Don Kiĥoto" (820 p., 25x15 cm, kun 20 gravuraĵoj de Gustavo Doré).

## OLEG TABAKOV HAVAS LIBRON EN ESPERANTO

Estante en Moskvo, mi hazarde vizitis la teatron MĤT, kie estis spektaklo "Onklo Vanja". Tie ludis ankaŭ Oleg Tabakov, la rolon de profesoro Serebrjakov. Post la spektaklo mi trovis Oleg Tabakov kaj donacis al li la ĵus eldonitan broŝuron. Mi klarigis, ke estas "Onklo Vanja" en Esperanto. Li diris: "Ĉu? Verŝajne do mi nenion komprenos ĉi tie." – "Nu, ne gravas, estas por memoro." La ruslingva surskribo tekstas: "Al la kara Oleg Pavloviĉ Tabakov de esperantistoj por memoro". Do, nun Oleg Tabakov havas libron en Esperanto. Eble iam li foliumos ĝin.

***Jurij Karcev (Uljanovsk)***

## OMAĜE AL LA 60-JARIĜO DE LA VENKO

# Robert Roĵdestvenskij

***el la rusa tradukis Valentin Melnikov***

### MULTAS NI

Multas – homoj – ni en nia mondo.
Pense rompas kapon la geni':
en ĉi vivo, en la viva rondo
nun freneze plimultiĝis ni!

Batas la eksplod' demografia,
kaj rompiĝas mara bord-lini'.
Urboj ŝvelas, kvazaŭ puso fia.
Tre multegas, tro multegas ni!

Multas ni. (Saĝulo laŭdas bombon.)
Multas ni. (Ondaron tranĉas ŝip'.)
Multas!.. Tamen certe homa nombro
ne sufiĉos por milit-disip'.

---

### LACIĜO

La teron venis laco, neevitebla sufer'!..
Laciĝis naski soldatojn patrinoj de nia ter'!
Laciĝis ludkarte aŭguri, esperi en vana mistik'...
Bataluniformojn kudri laciĝis vestofabrik'!
Al morta batalo flugi laciĝis potenca jet'!
Portadi tankojn surdorse laciĝis arbara vojet'!..
Laciĝo planedon katenas, sed mankas temp' por ripoz'.
Eĉ maro apenaŭ tenas militajn ŝipojn dum kroz'!
Saporon de fera plago ne povas ĝi senti plu,
kaj kaŝi la submarinojn profunde en akva blu'!..

Laciĝis pro tondroj ĉielo, la tero nun lacas ĝis sven' –
anstataŭ urboj – nur celoj situas sur ĝia eben'!..
Dum tiuj longaj jarmiloj eĉ stulta severa metal'
laciĝis esti armiloj por bruska senfina batal'!

***(Presita en "Paco", № 6, 1988)***

---

## 210 PAŜOJ

*(el la poemo)*

### LA PACO

Fortegaj prodoj vivas sur la Ter'.
Senĉese de mateno ĝis vesper',
somere, vintre, tage kaj dum nokt'
ni portas ŝarĝon, pezan kiel rok'...
Trenante, lace portas ni sur dorsoj
la ŝarĝon de kvereloj kaj rimorsoj,
de longaj frostoj kaj esperoj vantaj,
de amikecoj fluaj kaj konstantaj,
de forpasintaj jaroj aventurojn,
de ies man' kaj lipoj mildajn spurojn...
Do tiel ĉi. Sed ne pri tio temas!
Kutima ŝarĝo nin ne forte premas...
Krom tiu ŝarĝo, vere nur imaga,
ni portas pezon de danĝero plaga.
Po dudek tunojn portas ĉiuj ni!..
Ĉu vi ne scias fakton tiun ĉi?
Por vi agrablas vivo sen sufer'.
Sed intertempe sur malgranda Ter'
preparis oni tian municion –
pri ĝia kvant' eĉ di' ne havas scion!..

La bomboj dume dormas en trankvil'.
Kaj ŝajnas, ke ne estus eĉ util'
pri bomboj rememori kaj rezoni...
Sed se kolektus kaj dividus oni
la eksplodaĵon el iliaj sinoj
al ĉiuj homoj – viroj kaj virinoj,
al junaj, sanaj, al kadukaj, blindaj,
kovardaj, laboremaj kaj glorindaj,
al ĉiuj vivaj en la mondo vasta –
de l' tag' unua ĝis la tago lasta,
loĝantaj en fumoza urba ret',

zorgantaj pri ĝardenoj en kviet',
egale! – do laŭ tiu ĉi kalkul'
po dudek tunojn havus ĉiu ul'!
Jen vivas ni. Kaj ĉiu el amas'
po dudek tunojn portas por okaz'...
Gastame ridas junulino ĉarma.
Sopiras fraŭlo en loĝej' malvarma.
Jen vipas lagon fiŝkaptist' senlace.
Maristo en drinkejo dormas pace.
Pilot' zumkantas en ĉiela blu'.
Po dudek tunojn ĉiuj portas plu!..
Eterne valsas la baletistin'.
Potencaj prodoj! Mi estimas vin...
Ĉasisto iras tra l' arbaro densa.
Rigardas fajron la ŝerif' senpensa.
Studento super libro gratas nukon.
La dommastrino bakas poman kukon.
Ruladas baritono belmotive.
Po dudek tunojn portas ni dumvive!..
Sportisto tremas, sed ne pro timem' –
ĉu povos salti li sub tia prem'?!..
Oldulo portas panon el vendej'
en sako. Kaj tornistro peza plej
per dudek tunoj ŝarĝas la oldulon.
Kaj laco nebuligas la okulojn.
Neniun ja preteras tiu doz'...
Funkcias akuŝejo sen ripoz'.
Por ĉiu ĵus naskita bebo eta
jam dudektuna ŝarĝo estas preta.
Sur feblaj ŝultroj – dudek tunoj pendas!
Pro tio ĉiuj beboj plore plendas...

... Tra vivtumulto, rido kaj dolor'
ni tiun pezon portas kun fervor'.
Sur ŝultroj, ĝiboj ni trenadas lante
ĝin kiel sklavoj, tute ne povante
enfosi aŭ dronigi la minacon,
al malamik' proponi fi-donacon...
Sed – diablo prenu ĝin! – ĉi tiu prem'
kreita estas de la homoj mem!
Malica inventaĵ' de sciencistoj,
notita orde en sekretaj listoj,
celita jam – al ĉiu – dudektun'...
Nu kiel? Ĉu esperas vi ĝis nun

terglobon savi de inferkoŝmar'?..
Survoje, etendita kiel bar',
petante tremas mano de infan'.
Abundas bomboj. Tute mankas pan'.
Turmentas mondon eksplodaĵ-abund'.
La tero krie ĝemas el profund'!
Ĝi, ŝajne, volas perdi la memoron.
Pro siaj prodoj sentas ĝi hororon!..
Po dudek tunojn portas nuna gent'.
Sed kiom – post jardeko? Post jarcent'?
Do se eĉ sen milito, sen eksplodoj...
Ĉu tio estas voj'?! – respondu, prodoj!..

... Kaj nokto nin ĉirkaŭas per malhel'.
Senfunda, kvazaŭ arsenala kel'.

***Rimarko de la tradukinto.*** *En la originalo temis pri po 15 tunoj. Dum jardeko, pasinta inter aperoj de la originalo kaj de la traduko, la kvanto de armiloj sur Tero, bedaŭrinde, plu kreskis. Tial mi konscie uzis alian ciferon...*

---

# Aleksandr Tvardovskij

***el la rusa tradukis Klara Ilutoviĉ***

* * *

Pasinta estas la milit',
Sed vekas plu la krion:
Neniam lasu la spirit',
Ke ni forgesu tion.

Respektu tempon de l' amar',
Venkita sangokoste,
Infanoj de venonta jar'
Kaj ties nepoj poste.

Venigu fajron de l' batal'
Al la memoratento
L' unua neĝo kaj sekal'
En la florad' sub vento.

Kaj ĉiu domo kaj ĝarden',
Modesta aŭ bizara,

Vesper’ purpura kaj maten’
Super malhel’ arbara.

En ĉiu plenviviga ĝoj’
Kaj lumo en la koro
Pri la milita sanga voj’
Plu vivu la memoro.

Generacioj gardu plu
Ĝin zorge kaj sen ĉeso
Por pli feliĉa tempoflu’,
Ne ebla en forgeso.

---

# Viktor Korotajev

***el la rusa tradukis Klara Ilutoviĉ***

**FRATAJ TOMBOJ**

Ĉe montoj, placoj, stacidomoj
Per sango, brulrestaĵo, fer’
Kuniĝis laŭ la sorto homoj
Kun sia patrolanda ter’.

La viv’ ĝin dank’ al ili benis –
Ĝi gardas ilin en la sin’.
Ĝi dum batal’ soldatojn tenis –
Kaj nun soldatoj tenas ĝin.

---

# Viktor Koĉetkov

***el la rusa tradukis Klara Ilutoviĉ***

Ĉesis tondri l’ milit’,
Jam iĝinte la fora iamo,
Sed obstine ĝi vivas
En streĉa soldata memor’.
Teron de la patruj’
Savis ni de minaroj kaj flamo,
Sed ja kiu saper’
Savos nin de eksplod’ en la kor’?

---

## HISTORIA LIBRO: KONGRESOJ KAJ MULTE PLI

*Ziko Marcus Sikosek "Sed homoj kun homoj. Universalaj Kongresoj de Esperanto 1905-2005". Rotterdam: UEA, 2005. 197 paĝoj. 24cm.*




La unua libro, kiun UEA eldonis ĉi-jare, estas forta kandidato por fariĝi la ĉefa furoraĵo de la Esperanta libromerkato en 2005. Temas pri la libro "Sed homoj kun homoj" de la juna germana historiisto Ziko M. Sikosek pri la 100-jara historio de Universalaj Kongresoj de Esperanto. La aŭtoro, jam konata pro "Esperanto sen mitoj", prezentas en sia nova verko naŭdek ĉapitrojn pri naŭdek kongresoj, krome longan enkondukon pri la historio de la kongres-organizado ĝenerale.

Kiam alproksimiĝis la jubilea jaro 2005, UEA komisiis al Sikosek la verkadon de por-okaza libro, facile legebla, riĉe ilustrita, kiu direktas sin al la tuta esperantistaro. Sikosek esploris en la Biblioteko Hector Hodler, intervjuis oficistojn eksajn kaj nunajn kaj partoprenintojn de UK-oj. Rezultis libro verkita en ĵurnalisma, flua stilo. Tamen en la fino de la libro aperas la necesaj fonto-indikoj. La anekdoto-plena verko ne nur estas amuza, sed ankaŭ klerigas la leganton pri la Esperanto-movado ĝenerale: UK estis ĉiam ja ankaŭ forumo por asocioj, artistoj, sciencistoj kaj "simplaj esperantistoj".

Sikosek: "Precipe gravis por mi, ke la ĉapitroj pri la unuopaj kongresoj havu variecon. La kongresoj ja ne radikale malsamas unu de la alia. Sekve, mi prezentas unu kongreson el la vidpunkto de komencanto, alian – el tiu de la prezidanto de UEA; por la fruaj kongresoj ekzistas aliaj fontoj ol por postaj, ktp." En enkondukaj ĉapitroj li gvidas la leganton al la diversaj epokoj, nome la frua "bela epoko", la tempo inter la mondmilitoj, la Malvarma Milito kaj la tempo post la falo de la Berlina Muro. "Mi provis verki la libron tia, ke oni flue povas legi de la komenco ĝis la fino, aŭ ĉiam nur unu ĉapitron, ekzemple en kluba vespero aŭ je la enlita legado tagfine."

Inter la multaj intervjuitoj, kies rememoroj kontribuis al la estiĝo de la libro, estis John Wells, Renato Corsetti, Helga kaj John Rapley, kaj preskaŭ ĉiuj ankoraŭ vivantaj Konstantaj Kongresaj Sekretarioj. Sten Johansson, James Resende Piton k.a. liveris ĉapitretojn pri unuopaj temoj kiel Belartaj Konkursoj kaj poŝtmarkoj. Ankaŭ la nuna Ĝenerala Direktoro de UEA Osmo Buller servis al Sikosek kiel unu el liaj fontoj, kaj nun ĉiuj esperantistoj povos legi la faman epizodon pri la renkontiĝo de la juna kongreshelpanto kun Ivo Lapenna en Helsinko 1969.

Kio estis plej surpriza por Sikosek dum la verkado? "Mi ne sciis ke Humphrey Tonkin estis tiel 'senmitiga'-kritikema kiel junulo, li trovis en la sesdekaj jaroj tre fortajn vortojn pri la kongresoj. Foje la homoj havas interese malsaman rememoron, ekzemple kiu ekzakte fondis iun nun tradician programeron. Sukceso ŝajne

havas multajn patrojn.” Ĉu Sikosek malkovris multajn mitojn kaj skandalojn? “Mi almenaŭ ne serĉis tion. La libro ja estas verkita nome de UEA, ĝi devas klopodi esti neŭtrala kaj akceptebla por pli-malpli ĉiu esperantisto. Tamen ne eblis eviti la skandalojn, kaj nun oni povas legi kial fakte Edmond Privat rezignis en 1928 aŭ kiuj estis la diferencoj inter la prezidanto Lapenna kaj la prezidanto Tonkin.”

Kun pli ol okdek bildoj la libro “Sed homoj kun homoj” estas tre alloge eldonita, pro kio ĝi bone taŭgas ankaŭ kiel donaco, eĉ por neesperantistoj. La libro estas havebla en broŝurita kaj malmole bindita versioj.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 203)***

## “ESPERANTO DE LITERATURO”: INTERVJUO DE HARRY HARRISON

La reta ruslingva informejo “Washington ProFile”, kiu prezentas sendependajn informojn kaj analizojn el Vaŝingtono, aperigis grandan intervjuon de la mondfama verkisto Harry Harrison sub la titolo “Esperanto de literaturo”. Sola mencio de Esperanto en la teksto de la intervjuo estas la frazo “Fantasto estas Esperanto de literaturo”.

Eble ne ĉiuj scias, ke Harry Harrison estas esperantisto, pri lia lingvoposedo povis konvinkiĝi moskvaj esperantistoj, kiuj havis specialan renkontiĝon kun Harry Harrison en 1998, dum lia vizito al Moskvo: la konversacio daŭris ĉ. 1,5 horojn kaj pasis nur en Esperanto. En multaj liaj verkoj aperas Esperantaj frazoj kaj dialogoj. Ekzistas eĉ rakonto de Harry Harrison, verkita en Esperanto.

> Kio estas kuraĝo? Kuraĝo estas, kiam viro venas hejmen ebriega, la edzino renkontas lin kun la balailo en la mano, sed li demandas ŝin serene: “Ĉu vi balaas en la domo aŭ volis flugi ien?”
>
> ***(per-esperanto-humuro)***

La intervjuo troveblas ĉe la adreso <http://www.washprofile.org/WPF-2005/WPF%2003.16.05.html>.

***(esperanto-rus-informoj)***

## EL OBSERVOJ DE PULKAPTANTO

Mia ŝatata duonhobia-duonprofesia okupo estas tio, kion ruslingve oni nomas “kaptado de puloj”, t.e. trovado de ĉiaspecaj misetoj (kvankam iufoje temas pri misegoj) en diversaj publikaj tekstoj.

Antaŭnelonge mi foliumis la kolekton de tradukoj el A.Ĉeĥov “Ĉeriza ĝardeno”, kiun eldonis “Sezonoj”. Tie en la rakonto “Dika kaj magra” (p. 35, traduko de V.Kudrjavcev) renkontiĝas familinomo Vanzenbach. Tia transskribo estas vere stranga. Ja se oni transskribas la nomon *Ванценбах* kiel rusan nomon, necesus skribi Vancenbaĥ. Tamen se konsideri, ke la nomo estas germandevena, kaj apliki la germanan ortografion, necesus skribi Wanzenbach (estas amuze, ke “kaptinte la pulon” mi kunpuŝiĝis kun alia insekto: tiu vorto signifas “cima rojo”). Sed la mishibrida formo, uzita en la traduko, legiĝas laŭ la germanaj prononcreguloj kiel “fancenbaĥ”. Mi miras, ke la spertega redaktoro A.Korĵenkov preterlasis tion, des

pli ke li loĝas en urbo kun malnovaj kaj rekreskantaj germanaj tradicioj, kie trovi fakulon pri la germana ortografio certe ne devus esti problemo.

En lernejo la instrustino demandas la lernantojn pri iliaj planoj por la adolta aĝo.
Miĉjo: Mi estos kuracisto!
Peĉjo: Mi estos flugisto!
Anjo: Mi estos patrino!
Voĉjo: Kaj mi helpos al Anjo iĝi patrino!

Estas oponebla la titolo mem "Ĉeriza ĝardeno". Ja en la nuna rusa lingvo la vorto *вишнёвый* estas derivaĵo el *вишня,* ĉi-lasta vorto povas signifi ĉu la frukton, ĉu la arbon; sed en la tempo de Ĉeĥov oni distingis la vortojn *вишнёвый* (ĉeriza) kaj *ви́шневый* (ĉerizarba). Certe, ĝardeno, en kiu oni rikoltas ĉerizojn, povas nomiĝi ĉeriza, sed ĉu tio adekvatas por traduko? Ĉu ne pli trafa estus "Ĉerizuja ĝardeno"? Ja se ni imagus, ke en la ĝardeno oni plantus pomuojn, tiam ĝi ruse evidente nomiĝus ne *яблочный*, sed *яблоневый*. Ĉu la tradukinto de la teatraĵo V.Vyĉegĵanin ankaŭ tiukaze titolus "Poma ĝardeno"?

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

## "ONKLO VANJA" APERIS EN ESPERANTO

Unu el la plej famaj teatraĵoj de Anton Pavloviĉ Ĉeĥov "Onklo Vanja" aperis en Esperanto. La tradukon faris Mikaelo Povorin.

La broŝuro estas eldonita kiel literatura suplemento al REGo kaj estas dissendata kun tiu ĉi numero al ĉiuj REGo-abonantoj de 2005. Por la aliaj dezirantoj ĝi estos aĉetebla en la libroservo de REU kaj en aliaj libroservoj.



*Flandra Esperanto-Ligo eldonis trian poemlibron de Mikaelo Giŝpling, eks-moskvano, nuntempe loĝanta en Israelo. La libro havas titolon "Tie ĉi tie" kaj konsistas el la versaĵoj, plejparte verkitaj en la jaroj 1998-2003. En REGo jam aperadis versaĵoj de Mikaelo Giŝpling el liaj antaŭaj libroj "El sisma zono" kaj "Eola harpo". Por prezenti la novan libron ni publikigas ĉi tie versaĵojn el ĝi.*

---

# *Mikaelo Giŝpling*

## ADIAŬ

Adiaŭ, ŝatataj objektoj kaj faroj!
Nin iom post iom disigas la jaroj.
En tempotorento, en blovoj de ventoj
Forflugas de mi miaj revoj kaj dentoj,
Kaj bona laboro en fako teknika,
Kaj glaso da brando en rondo amika,
Kaj pipo fumata sur mola kanapo,
Kaj haroj po-iom falintaj de l' kapo,
Kaj forto de l' manoj, kaj bronzo de l' haŭto,
Kaj longaj rapidaj veturoj sur aŭto,
Kaj gajaj piknikoj ĉe tendo sub pinoj,
Kaj dancoj dum baloj kun ĉarmaj virinoj,
Kaj karaj al mi enamiĝoj subitaj –
Jen pure platonaj, jen karne surlitaj,
Kaj sako kun paro da larĝaj rimenoj
Por skiaj, piedaj kaj ciklaj promenoj,
Kaj multaj aliaj objektoj kutimaj,
Post kiuj nun restas lakunoj animaj...
En fino de l' vojo, de l' daŭra vojaĝo
Senteblan tributon postulas la aĝo.
Do prenu! Mi multon trankvile fordonas,
Ĉar ju pli mi vivas, des malpli bezonas.
Do prenu! Mi donas al vi sen bedaŭroj
La ŝarĝon de ŝatoj, kaj batoj kaj laŭroj.
Nur solan favoron mi petas de l' Sorto:
La klaran racion por mi ĝis la morto.

*02.01*

## EFIKA RIMEDO

Estas multaj rimedoj por ekstermi la homojn:
Oni pafas, venenas, palisumas, turmentas...
Scienculoj cerbumas kaj ricevas diplomojn,
Kiam ili plej fajnan mortigilon inventas.

Sed por fari la homon estas sola rimedo –
Tre malnova, donita de la saĝa Naturo
Kaj ĝis nun populara dank' al simpla procedo,
Kaj portebla ilaro kaj labor' kun plezuro.

Per ĉi tiu rimedo – eble tro primitiva,
Tamen fakte pli forta ol teknikaj aplomboj –
La homaro sin savas kaj ĝis nun estas viva
Malgraŭ ĉiuj kanonoj, kaj venenoj kaj bomboj.

*12.01*

* * * *

Ne kredu je la Bono,
Al amikec' ne kredu...
Al voĉo de sindono
Ne kredu kaj ne cedu.

Memoru, ke mensogo
Aspektas kiel vero,
Forkuru de allogo,
Ne kredu al espero.

Ne kredu je la Amo –
Ĝi trompas kaj perfidas,
Kvieta kiel ĉamo
Tro multe ĝi avidas.

Kaj ĵetu la rigardon
Ĉirkaŭen sur la teron –
Vi vidos nur kovardon,
Maljuston kaj danĝeron.

Suspektu ĉie krimon,
Ne kredu plu al ĵuroj
Kaj gardu la animon
Ŝlosita sub seruroj.

Ho, kiom da konsiloj,
Avertoj kaj edifoj
Faritaj por utilo
Al niaj povraj vivoj!

Sed spite al la moroj
De ĉiuj homoj spertaj,
Ni vivu kun la koroj
Amantaj kaj apertaj.

*10.01*

## CERBA GIMNASTIKO

**1. KOKTELO.** *Evidentiĝas, ke la rusa kaj Esperanto tute interplektiĝis inter si, kaj parton de rusaj vortoj konsistigas E-aj vortoj, ekz.* ***mono-грамма.*** *Do, sube vi trovos rusajn vortojn, kaj la kvanto de punktoj montras, kiom da literoj troviĝas en la ellasita parto, koincidanta kun E-vorto. La E-vortoj eniras kun finaĵoj. Por plifaciligi la respondon, post ĉiu rusa vorto enkrampe estas klarigata signifo de la E-vorto.*

| | |
|---|---|
| 1) **. . . . з** | (ne povi ne fari) |
| 2) **. . . о** | (malkun) |
| 3) **. . . ица** | (malsen) |
| 4) **п . . . г** | (valoraĵo) |
| 5) **. . . . т** | (ĝermigi) |
| 6) **. . . . ть** | (almeti fingrojn) |
| 7) **. . . . он** | (rigardi kaj kompreni tekston) |
| 8) **. . . . кан** | (persekuti kurante) |
| 9) **. . . . . ра** | (komerca kalkulo) |
| 10) **скан . . .** | (manke de) |

**2. VORTOĈENOJ.** *Necesas el la unua donita vorto ricevi la duan per ĉeno el vortoj; ĉiu vorto en la ĉeno devas diferenciĝi de la antaŭa nur per unu litero. Ekz.* ***korto – korko – porko – parko.***

a) LEZO – SANO; b) LUPO – ŜAFO;
c) KATO – MUSO.

***Solvoj de la taskoj en REGo № 1 (26)***

**1. Koktelo:** *1) devi; 2) komo; 3) ligi; 4) rabo; 5) fakto; 6) peri; 7) logi; 8) nomi; 9) oro; 10) servi*

**2. Vortoĉenoj:**
*a) KRENO-PRENO-PREDO-PIEDO-PIELO-MIELO*
*b) GENTO-GANTO-HANTO-HONTO-HORTO-HORDO-NORDO-NORIO-NOCIO-NACIO*
*c) MAMUTO-MAMULO-LAMULO-LAMELO-KAMELO*
*ĉ) SEKSO-SEKVO-SERVO-CERVO-CERBO*

**3. ANAGRAMOJ.** *Ĉi tie vi vidas la anagramojn de titoloj de famaj E-libroj. Provu diveni la originajn titolojn.*

a) VANDALA SERĜENTO JE OPONO;
b) NI DRINKU JE MISO N-RO...;
c) DO, ĈERKA TRISTO.

*La solvojn necesas sendi dum 2 semajnoj post ricevo de la gazeto al Tatjana Auderskaja poŝte (Ukrainio, 65026 Odessa-26, p/k 71) aŭ rete (<zoo@te.net.ua>, <verda99@mail.ru>).*

## UTILAJ ADRESOJ

**REU:** p/k 57, 105318 Moskvo; retadreso <esperanto@au.ru>; ttt-ejo <http://www.reu.ru/>.

**REJM:** retadreso <komitato.rejm@mail.ru>; ttt-ejo <www.tejo.org/rejm>.

**UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; retadreso <uea@uea.org>; ttt-ejo <http://www.uea.org>.

# "ORAJ KANTOJ"

## FINFINE APERIS LIBROFORME




*Ekzistas rusa proverbo, ke la promesitaĵon oni devas atendi dum tri jaroj. Antaŭ iom pli ol tri jaroj, post apero de la unuaj du diskoj el la serio "Oraj kantoj", estis planita aperigo de aparta broŝuro kun la kantotekstoj por tiuj diskoj. Aperis la tria disko, poste – la kvara, la kvina. Sed eldono de la regule pliampleksiĝanta broŝuro pro diversaj cirkonstancoj permanente prokrastiĝis. Kaj jen, finfine, la kantolibro aperis. Ĝi enhavas 120 paĝojn, sur kiuj troveblas 90 kantotektsoj kun gitarakordoj; aldone estas prezentitaj informoj pri la diskoj mem: listoj de la kantoj, uzitaj en la diskoj komunaj fotoj de diversaj amasaj E-aranĝoj, nomoj de ĉiuj plenumantoj, kies voĉoj kaj gitaroj sonas en la diskoj, ktp. En la libron trafis ĉiuj kantoj el la unuaj kvar diskoj de la serio (por kiuj surbaze de amasa voĉdonado estis selektitaj la plej popularaj kantoj de sovetiaj kaj rusiaj esperantistoj) plus ses kantoj el la kvina disko (konsistanta el elektitaj kantoj de Mikaelo Bronŝtejn; tiu disko enhavas propran broŝureton kun tekstoj de ĉiuj kantoj, tial por la ĝenerala broŝuro estis selektitaj nur la plej popularaj kantoj el ĝi). Prezento de la kantolibro "Oraj kantoj" okazis la 25-an de aprilo en moskva E-klubo "Lev Tolstoj"; la unua E-aranĝo, kie la libro aĉeteblos, estos REK-EoLA en Jekaterinburg. Baldaŭ la kantotekstoj de "Oraj kantoj" aperos en la libroservoj.*




***Garik Kokolija (Moskvo)***


**REGo (Rusia Esperanto-Gazeto)** **№ 2 (27) aprilo 2005**

**komuna eldono de REU kaj REJM** **aperadas ekde 2000**

*redaktas* Garik Kokolija *kunredaktas* Viktor Aroloviĉ

*poŝta adreso* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105, 125310 Moskvo, Rusio

*retadreso* <gazeto@mail.ru>

*materialoj de la gazeto povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

***abontarifoj por 2005:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 140 rubloj sendendaj al:*

Георгий Владимирович Androниковi Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 15 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*